



# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

10-a Jaro | Numero 4-6

JARABONO
En Brazilio 3$000
Eksterlande 5 fr. (2 Sm.)

Aprilo-Junio 1919

REDAKCIO—PRAÇA QUINZE DE NOVEMBRO
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO


## Brazila Ligo Esperantista

Pedimos a attenção dos nossos samideanos para as seguintes disposições do Regulamento da B. L. E.:

Os grupos filiados pagam uma quota annual de, pelo menos, 15$000, correspondente a seis socios.

Os socios isolados pagam a contribuição annual de 5$000.

Qualquer socio de grupo filiado poderá adherir a B. L. E. pagando apenas a quota annual de 2$500.

Não ha joia.

As pessoas que remetterem a importancia de 10$000 são consideradas socios da B. L. E. e *helpabonantoj*.

Todos os socios recebem gratuitamente o «Brazila Esperantisto».

## Imitinda ekzemplo

Nî ricevis de nia sindonema samideano, sro João Teixeira de Siqueira Magalhães, kiu loĝas en Villa do Calçado, Espirito Santo, la sumon de 100$000 (67 Sm), kiel helpon al la eldonado de «Brazila Esperantisto».

Korajn dankojn!

## LA DUOBLO

Silvano kaj Remigio loĝis en la sama vilaĝo. Ili sin intervizitadis, kvankam ili ne sin amis reciproke. Silvano estis avara kaj Remigio enviema: inter avarulo kaj enviemulo ne povas esti amikeco.

Ian vesperon ili revenis de la vendejo de l' najbara urbo kaj interparoladis pri la profito de sia tago. Unu sin montris malĝoja, ĉar ĵi gajnis tre malmulte en siaj vendoj, la alia plendis tute malĝoje, tial ke lin kubutfrapis personoj pli belaj, pli riĉaj, pli brilantaj ol li: ambaŭ riproĉis, siamaniere, la severecon de la sorto.

Malriĉa maljunulino, kiu marŝis malantaŭ ili de kelka tempo, alproksimiĝis al ili subite. «Mi aŭdis viajn plendojn, ŝi diras al ili, kaj mi volas malaperigi ilin. Atentu». Subita lumo helis la vojon, kaj, anstataŭ malriĉan maljunulinon, en ĉifonaĵoj, ili vidas antaŭ si en blanka ore punktita vesto belan virinon, kiu parolas al ili jene: «Mi estas la feino Urgelo, la protektantino de via vilaĝo: unu el vi demandu, kion li volos, mi plenumos lian peton; la dua havos duoble tion, kion la unua petos».

Komence la ĝojo de la du vilaĝanoj estis grandega, sed, pripensante, ili falis en grandan sendecidon.

«Se mi petos unue, diras al si Silvano, mi nur havos la duonon; Remigio parolu unue». «Se mi parolos unue, pensas ĉi tiu, la parto de Silvano estos duoble pli granda, ol la mia. Kvankam mi ne penas riĉiĝi, mi ne povas imagi vidi lin pli riĉa, ol mi».

Kaj ambaŭ silentadis. Fine Remigio, ne sindetenante plu, sin ĵetas sur sian kunulon kun pugno fermita kaj la okuloj en fajro. «Parolu, li ekkrias, aŭ mi batos vin».

— Ĉu vi volas tion? respondas Silvano, kies malvarmsangecon la timo ne interrompis. Vi tuj estos kontentigita. «Kaj parolante al la feino:

— Ĉu vi volas scii, kion mi volas? Nu, bone: mi volas perdi unu okulon».

Lia deziro estis tuje plenumita: li fariĝis unuokululo. Momenton poste Remigio estis blinda. Li havis la duoblon de tio, kion la alia petis.

El franca lingvo tradukis

*Sebastião de Albuquerque*

Aracajú — Sergipe.

## SERENADO

( Schubert )

Dolĉajn pledojn mi elspiras
Tra la nokt' al vi :
En-la boskon, karulino,
Venu vi al mi.
Sopireme susuradas
Arboj sub la lun' (*bis*)
Ne prokrastu, amatino,
Sed alvenu nun.

Jen ! la najtingalo kantas
Por inviti vin ;
Per mallaŭtaj dolĉaj tonoj
Ŝi kompatas min.
Simpatie ŝi komprenas
Pri la amdolor' ; (*bis*)
Kaj vibradas ĉe la kanto
Ĉiu ama kor' (*bis*)
Karulino, min kompatu
Mi petegas vin,
Lasu, ke mi proksimiĝu,
Ho, ĝojigu min (*bis*)
Ĝojigu min.

Tradukis laŭ la muziko.
*Montagu C. Buttler.*
(El «*British Esperantist*»).

## LA BRANĈO DE L'ESPERO

### ( Raul Pompeia )

Unu el ili stariĝis kaj rigardis la maron.

— Ĉu tero ?

— Ne... ne... apenaŭ la akra kaj pura tranĉrando de l' horizonto kaj la sennuba ĉielo poste...

La ŝippereintoj refalis en la saman senkuraĝecon.

Tri tagoj jam estis pasintaj, la brulado kaj la oceano estis kunsumintaj la ŝipon kaj la kunvojaĝantojn.

Nur ili restis. Ili kaj la malgranda remŝipo, kiu ilin kunportadis.

La remŝipo kaj la vasta senlima maro.

Ĉirkaŭe, la varmega suno kaj la malbelega solena silento de l' malvento.

Ĉe vido, nek blanka drapo !... Nek la fumo de l' kontinento transe !...

Ilin direktis la lacaj remiloj kaj la sorto : ne estis plu pano, la akvo estis finanta.

La kvara tago ekaperis nebulega.

Ha ! tion diru la maristoj : la nebulego estas melankolia kiel la morttukoj de l' ektagiĝo. La nebulego entombigas la kuraĝon.

— Perditaj !...

Sed io alproksimiĝas surnaĝante.

Ĉiuj rigardas. Brako subakviĝas malpacience kaj venke suprenlevas verdan branĉon.

Verda kiel la espero !

— Savitaj !...

Tie, tie mem ĉe la nebulego, oni duonvidas la teron firman, kun la verdaj palmarboj l' Patrujo.

Tradukis.
*Stella de Almeida.*

## LA KANTO DE L' "IRAPURÚ"

### Amazona Sceno

(Raymundo Magalhães)

Ĝi komencis kanti. La notoj eliĝis el ĝia gorĝo, laŭtaj, longedaŭraj, fintremetantaj, kiel la emociita voĉo de saŭdada koro.

Diversaj birdoj ĉirkaŭis ĝin, atentaj kaj kvietaj, en profunda silento, por ne ĉesigi la magian kanton de l' muzikisto de l' arbaro. Kaj la «Irapurú», malgrandeta, senmovigita sur la verdaj branĉoj de l' giganta arbo, iom post iom altigis la doloran voĉon, kaj la belsoneco, tiam malrapida, plilongiĝis, nun rapida, per mallongaj krioj, tremantaj, dolorigaj, kiel saŭdadaj plendoj de amata persono, kiu de malproksime plorus pri ni.

*Seringulo* kiu pasis, haltis raviĝinta... dolĉege ĉarmata per la sovaĝa muziko, levis la frunton al la ĉielo, turnis ĝin laŭ la direkto al sia patrujo, kaj, emociita, poste foriris per malrapida marŝo, viŝante la okulojn per la nerva mano...

Kaj la kanto ĉiam daŭris, en la densa arbaro, malrapide, base, tremante, kiel la plora voĉo de saŭdada koro...

Tradukis
*Targino Soares.*

Mossoró, Rio Grande do Norte.

## Anekdotoj

Patro.— Kiel vi sukcesis en viaj ekzamenoj ?

Filo.— Ho ! Mi respondis ĉiujn demandojn.

Patro.— Kion vi respondis ?

Filo.— Al ĉia demando mi respondis : «Mi ne scias tion».

Tradukis
*Olympia Oliveira.*

### PROFITOKAZO

Iu studento tro parolis en hotelo pri siaj diversaj sciadoj, ke li perdigis la paciencon al iu gasto, kiu ekkriis kolere :

— Nu, tre bone! Ĝis nun ni aŭdis, kion vi povas fari, nun diru al vi, kion vi ne povas fari, kaj mi tre ŝatos aŭdi vin.

— Mi? — diris la studento — Nu, kion mi ne povas fari, estas tio, pagi miajn ŝuldojn, kaj mi tre ojos, se vi povos fari aferon tiel malfacilan.

Tradukis.

*Stella de Almeida.*

---

Vilaano eniris en lernejon kaj diris al la profesoro :

— Sinjoro, mi havas filon kaj mi volas ke li lernu iom kelkajn literojn.

— Tio estas bona.

— Kiom da literoj estas?

— La literoj de l' alfabeto estas dudekkvin.

— Tio estas multo por malriĉulo ; sufiĉus ke vi instruu al li sep aŭ ok.

Tradukis

*Targino Soares.*

## A LINGUA INTERNACIONAL

### Os esperantistas e a Sociedade das Nações

Agora que na capital da França se encontram os representantes de todas as nações alliadas, reunidos em torno dos vultos de Wilson, Lloyd George e Clemenceau para a resolução das difficeis proposições da Conferencia da Paz, não perdem os esperantistas a opportunidade para defender as vantagens da adopção e officialização da sua lingua auxiliar internacional, collocando a sua questão entre aquellas que mais de perto interessam ao problema da Sociedade das Nações.

Nesse sentido, conforme vemos num periodico parisiense, têm sido apresentados aos directores dos trabalhos da Conferencia, especialmente ao Presidente Wilson, memorias e relatorios referente á lingua esperanto, nos quaes os esperantistas proclamam a necessidade da adopção de uma lingua internacional, unica, de facil assimilação, e que de futuro venha permittir que todos os cidadãos da Sociedade das Nações se possam comprehender sem trabalho excessivo nas suas multiplas relações correntes e de commercio.

E como o mundo de amanhã ha de ser melhor e mais humano do que o que se submergio nos horrores da guerra, os esperantistas acham indispensavel, para que se realize no porvir esse entresonhado ideal de fraternidade, a existencia entre os homens do liame de uma linguagem commum, que os levará a amarem-se mais estreitamente, realizando pratica e definitivamente a cruzada do Bem contra a Injustiça e a Força.

Um dos instrumentos dessa pacifica revolução humanitaria será, pois, a lingua internacional, e para o caso, o Esperanto, que «todo homem de vontade póde aprender em pouco dias, ou, quando muito, em algumas semanas».

A questão pareceu de tamanha monta, que o Presidente Wilson, por intermedio da Embaixada Americana em Paris, dirigio a todos os esperantistas que perante elle haviam advogado a apresentação da causa da lingua internacional nos debates do Congresso da Paz, uma carta-circular na qual o chefe da democracia americana affirmou estar persuadido de que a questão será objecto de exame acurado por parte das autoridades competentes ao tempo da constituição da Sociedade das Nações.

Na Inglaterra o assumpto já foi abordado por Lloyd George, que reconheceu a necessidade da creação de uma lingua internacional, e, em França, algumas figuras de destaque da Commissão franceza para a constituição da Sociedade das Nações tambem são sympathicas á adopção de uma lingua segunda de caracter auxiliar e internacional.

O problema caminha assim para uma solução definitiva. Ha, pois, razões para pensar que o velho e utopico sonho da lingua universal poderá estar prestes a triumphar no terreno das realidades praticas, coroando-se dessa fórma, pela força dos acontecimentos actuaes, o esforço e o enthusiasmo sempre renovado dos esperantistas, que ha annos, através de todos os obstaculos vêm pugnando pela victoria do seu ideal.

(Do *Jornal do Commercio* de 7 de Abril de 1919).

## KONKURSO

### kun multaj premioj

Ni bezonas por *propaganda* celo anekdotojn kaj mallongajn rakontojn, kiuj montras malhelpojn de multlingveco kaj bezonon de internacia lingvo, utilon de Esperanto en diversaj situacioj, skizojn el esperantista vivo k. t. p. Por ricevi bonan kolekton da tiaj, ni malfermas *konkurson al la tutmonda esperantistaro pri propagande uzeblaj rakontetoj bonaj laŭ stilo kaj enhavo.*

KONDIĈOJ : Ĉiu rakonto devas esti klare kaj nete skribita nur sur unu flanko de papero *paralele per du lingvoj*, unu nacia kaj Esperanto. La fonto estu klare montrata, same la nomo kaj adreso de la sendinto. Ankaŭ pli frue presitaj rakontoj estas akceptataj, se ili estas libere represeblaj, precipe se la originalo ne estas Esperanta.

PREMIOJ («Esperanta legolibro» de Vilho Setälä kaj aliaj indaj verkoj) al ĉiu sendinto de uzebla rakonto laŭ la valoro de tiu. Aparta premio por tri el la plej bonaj.

Sendu la anekdotojn kun surskribo «anekdotoj» sur la koverto, al

**Eldona Akcia Societo Otava,**

Uudenmaank. 10. Helsingforso, Finnlando.

# FRAZEOLOGIO-PROVERBARO

Esperanta — Portugala

El "Proverbaro" de dro L. L. Zamenhof (Kolektis A. Couto Fernandes)

211. Sen laboro ne venas oro.
212. Laboro donas bonstaton, mallaboro malsaton.
213. Pli bone estas ŝviti ol tremi.
214. Plej bone ridas, kiu laste ridas.
215. Leĝo estas cedema: kien vi deziras, ĝi iras.
216. Leĝo pasintaĵon ne tuŝas. Leĝo valoras por poste, sed ne por antaŭe.
217. Homo lernas la tutan vivon. Vivu, progresu, sed lerni ne ĉesu.
218. Kiam kato promenas, la musoj festenas.
219. Mastro en vojo — servantoj en ĝojo.
220. Por longa malsano kurac' estas vana.
221. El du malbonoj pli malgrandan elektu.
222. Malbona herbo froston ne timas. Urtikon frosto ne difektas.
223. Malsano venas rapide, foriras rigide. Malfeliĉo venas rajde, foriras piede.
224. Malfeliĉo malofte venas sole. Malfeliĉoj kaj batoj venas ĉiam kun fratoj. Malfeliĉo venas, malfeliĉon kuntrenas.
225. Ŝipon rompitan ĉiuj ventoj atakas.
226. Ofte kantas la buŝo, kiam ploras la koro.
227. En akvo malklara oni fiŝkaptas facile.
228. Ĝi estas mustardo post la manĝo.
229. Nuksoj venas, kiam dentoj elfalis.
230. Pli bone malfrue, ol neniam.
231. Malgranda aspekte, sed granda intelekte.
232. Diri al iu nudan veron.
233. Frukto malpermesita estas plej bongusta. Kion leĝo malpermesas, tio plaĉi ne ĉesas.
234. Ĉe vesto velura suferas stomako.
235. Vivo sen modero kondukas al mizero. Ofta festo - malplena kesto.
236. El la mizero oni devas fari virton. Mieno fiera al ludo mizera.
237. Pri lando malproksima estas bone mensogi.

(Daŭrigas)

211. Quem não trabalha não mantem casa forte.
212. Quem busca trabalho, tem comida no borralho.
213. Mais vale suar que gemer.
214. Rirá melhor quem rir por ultimo.
215. Lá vão as leis, aonde vós quereis. Lá vão leis para onde querem os reis.
216. A lei não tem effeito retroactivo.
217. Quanto mais se vive, mais se aprende. Aprende se até morrer. Vivendo e aprendendo.
218. Gato em viagem, ratos em patuscada.
219. Mestre fóra, dia santo em casa.
220. Mal prolongado, morte no cabo.
221. Dos males, o menor.
222. Herva má, não lhe impede a geada. Herva má cresce depressa.
223. As doenças vêm a cavallo e retiram-se a pé. O mal entra ás braçadas e sae ás pollegadas.
224. Uma desgraça raramente vem só. Uma desgraça nunca vem só.
225. A navio rôto todo vento é contrario.
226. Quem canta seus males espanta. Quem vê cara, não vê coração.
227. A rio revolto, ganancia de pescadores. Na agua turva pesca o pescador.
228. E' mostarda depois do jantar.
229. Deus dá nozes a quem não tem dentes.
230. Antes tarde, que nunca.
231. As preciosas essencias guardam-se nos pequenos vasos.
232. Dizer a verdade nua e crua.
233. O prohibido é desejado. A fructa prohibida é a mais appetecida. E' da prohibição que nasce a tentação.
234. O setim e os velludos apagam o lume da cosinha.
235. A gula conduz á mendicidade. A meza lauta, muitas vezes, conduz á pobreza. Morra Martha, mas morra farta. Bôa mesa, mau testamento.
236. Fazer da necessidade virtude. Fazer das tripas coração. Á má sorte, bôa cara Fazer das fraquezas forças.
237. Póde mentir bem quem de longe vem. De longas vias, longas mentiras.

(Continua)

## KRONIKO

**Pará**. *Belém*. — Revenis al tiu urbo nia klera kaj fervorega samideano Dro Nuno Baena.

**Ceará**. *Fortaleza*. — Fondiĝis la 14 an de Aprilo esperantista grupo nomata «Nova Samideanaro, kiu funkcias ĉe strato Major Facundo, nº 256. Jen ĝia estraro: prezidanto—sro Joaquim Bessa Pereira kaj sekretario — sro Francisco Assis Rego Falcão.

**Sergipe**. *Aracajú*. — En la Normala Lernejo 40 lernantinoj ĉeestas kun entuziasmo la kurson de Esperanto gvidatan de sro Sebastião de Albuquerque, prezidanto de «Esperanta Klubo».

Baldaŭ malfermiĝos en tiu lernejo du aliaj kursoj, kiujn direktos dro Acibiades Corrêa Paes kaj fino Norma Reis.

**Rio de Janeiro**. *Jornal do Commercio*, en sia numero de l' 7a de Aprilo, publikigis artikolon pri «La lingvo internacia kaj la Societo de l' Naciojo». Pri tiu sama afero ankaŭ parolis «O Propedeutico», organo de «Curso Propedeutico».

— Vizitis la sidejon de B. L. E. sro Domingos de Castro Perdigão, prezidanto de Grupo Esperantista «Couto Fernandes» kaj direktoro de l' Publika Biblioteko en Ŝtato Maranhão.

— La 17 an de Majo la Societo de Geografio de Rio de Janeiro inaŭguris en sia sidejo la portreton de nia klera samideano dro José A. Boiteux, kiu dum multaj jaroj estis la ĝenerala sekretario de tiu grava societo. Dro La-Fayette Côrtes, ĝia oficiala oratoro kaj direktoro de l' konata Instituto La-Fayette, por montri ke dro Boiteux estas granda amiko de l' progresemaj kaj fratecaj ideoj, citis liajn laborojn kiel esperantisto. Dro Boiteux estas nun sekretario de l' Internaj Aferoj en Ŝtato Santa Catharina.

— «Virina Klubo» efektivigis siajn 34an kaj 35an kunvenojn, kiuj estis tre ĉarmaj kaj interesplenaj. La unua okazis je la 13a de Aprilo ĉe sino Custodia Marques kaj la dua je la 22a de Junio ĉe sino Hilda Domingues.

Partoprenis en la literatura parto fraŭinoj Yrany Baggi de Araujo, Maria Cesar, Regina Negreiros de Barros, Esther kaj Julieta Pires Pinto ; sinjoroj dro J. B. Mello e Souza, A. Couto Fernandes, José Maria Reis Perdigão, Octavio G. Ferreira, Washington Vaz de Mello kaj geknaboj José Cameira, Bernardino kaj Estella Ferreira.

Oni kantis la Kanton de l' Kamparano, kies versoj estis tradukitaj esperanten de dro J. B. Mello e Souza.

La kunvenoj finiĝis per dancoj kaj la ĝentilaj dommastrinoj regalis la ĉeestintoj per teo kun biskvitoj.

— O «Boletim da Cruz Vermelha Brasileira» publikigis bonam artikolon pri «Esperanto kaj Ruĝa Kruco», verkitan de dro Venancio da Silva.

— Pro la ŝanĝoj faritaj en la programoj de l' publikaj lernejoj ankoraŭ ne estis ebla en la kuranta jaro la malfermo de kursoj de Esperanto en tiuj lernejoj.

Nur en la lernejo Visconde Ouro Preto, dank' al bonvolo de ĝia direktorino, fino Maria Luisa Des-ray, funkcias kurso gvidata de l' profesorino Haydéa Ferreira, en kiu enskribiĝis pli ol 30 lernantinoj.

— Du novaj kursoj malfermiĝis : unu en la sidejo de Brazila Klubo «Esperanto» funkcianta ĉiumerkrede sub la gvidado de sro A. Couto Fernandes kaj alia en «Externato Lafayette», ĉe strato Candido Benicio, 515, direktata de sro José Machado Tosta.

— La 21an de Junio okazis ĝenerala kunsido de Brazila Klubo «Esperanto» por balotado de nova estraro.

Jen estas ĝia rezultato : Prez. — dro Antonio Carlos de Arruda Beltrão ; vic-prez. — sro Odillo Pinto ; unua sek. — sro Alcindo Terra ; dua sek. — fino Esther Erica Bloomfield ; unua kas. — sro Octavio de Azevedo Macedo ; dua kas. — sino Sophia Monteiro de Barros.

Konsilantaro : sroj dro Nuno Baena, dro Venancio da Silva, E. Felix Tribouillet, ingº. Hernani Motta Mendes, majoro Lauriano das Trinas, fregat-kapitano Pedro Manot Sarrat, Generalo Manoel Portilho Bentes, Honorio Leal, Carlos Vellozo kaj sino Rackel Bessa. Delegito apud Brazila Ligo — sro José Machado Tosta.

A. C. F.

---

## Novaj gazetoj ricevitaj

La **Evolucio**, ĉiumonata revuo en Esperanto kaj hinlingvo. Redakcio : Sinpak chinese P. O. Box 117 *Shanghai*. *Ĥinujo*.

**Itala Esperantisto.** Oficiala organo de la Itala Esperanto - Federacio kaj de la Itala Katedro de Esperanto. (Reapero). Jara abono : Eksterlande. L. 5. Redakcio: Casella Postale, 922. - *Genova*. *Italujo*.

## O Esperanto no Estrangeiro

**Inglaterra.** *Londres.* — A Sociedade Internacional de Philologia, Sciencias e Bellas Artes, que havia organisado uma secção esperantista para estudar o valor do Esperanto na educação, começa a ver o proveito de tal medida; essa secção tem feito acquisição de muitos adeptos. Foi lida uma prelecção sobre a «Lingua da Liga das Nações» pelo sr. Khalid Sheldrake, bem discutida e applaudida. O sr. Bernard Long fallou sobre o «Vocabulario e Structura do Esperanto». A *Sociedade de Debates Litterarios*, secção da British Esperantist Asocio, já deu a publicidade a nova gazeta *La Literaturo*» A propaganda para a *Lingua Commercial Commum* continua vigorosa, com repercussão na Suissa e na França.

*Ilford.* Na sessão de 4 de Abril o Presidente do Grupo, o sr. Ross, salientou a utilidade do Esperanto para os escoteiros.

*Coventry* — Uma assembléa de Esperantistas, reunida a 7 de Abril, resolveu fundar um Club de Cyclistas: a idéa foi applaudida e acceita com indescriptivel enthusiasmo.

*Eastbourne. Escola Choral de S. Salvador* — Os alumnos mais adeantados d'esta escola, ha um anno, iniciaram o estudo do Esperanto durante uma hora por semana. Por occasião da distribuição annual dos premios, o director Rev. C. W. Horsburgh manifestou-se enthusiasta do valor instructivo da lingua: foi informado que os estudantes de Esperanto tornaram-se mais curiosos, mais investigadores nos outros estudos; o seu golpe de vista se ampliava, correspondiam-se com os seus collegas da Suecia, Russia, Belgica, Hespanha e França.

*Glasgow.* A sessão annual da Sociedade Esperantista teve logar a 17 de Março. Um dos mais interessantes discursos foi o do *samideano* japonez, sr. Soichi Tsuchiya, sobre a «Lingua e a Litteratura japoneza»: descreveu proficientemente essa lingua, mostrou as suas difficuldades e o valor do Esperanto para os Japonezes.

*Lancashire* e *Cheshire.* A *Konkursfeste* teve logar em Manchester, sabbado, 5 de Abril, em Onward Buildings. O ex-Lord Mayor, sr. Daniel Mc Cabe, mostrou-se satisfeito ao ver tantos meninos enthusiasmados pelo Esperanto. O sr. Sanderson, Presidente do Conselhó Escolar de Green Lane, confirmou o seu anterior asserto, quanto ao bom resultado colhido pelos meninos em outros ramos de estudos, pela aprendisagem do Esperanto e insistiu na sua adopção nos cursos de todas as escolas. O sr. Applelaum, Presidente, citou factos indiscutiveis da utilidade e valor do Esperanto, como meio de communicação para a Liga das Nações. As provas exhibidas pelos alumnos patentearam a facilidade da lingua e a rapida apprehensão dos seus rudimentos.

As provas mais decisivas foram traducções do Esperanto para o inglez e vice-versa e contos em Esperanto sobre exercicios recreativos. Os alumnos disputaram o primeiro logar, revelando sagacidade na escolha dos termos e na interpretação das phrases: em varias provas conquistaram os premios meninos de nove e dez annos. Fechou a solemnidade um magnifico concerto e baile.

*Portsmouth* — A 19 de Março a Sociedade Socialista Dominical realisou um concerto em Trade's Hall; mereceu applausos a representação em Esperanto da peça *Neĝblankulino* por meninas de 13 annos.

*Sheffield* — A 3 de Fevereiro, a convite da A. Christã de Moços, o Dr. J. Pollen fez uma conferencia publica sobre o Esperanto; presidio a sessão o sr. Newton Combe, conselheiro da Universidade de Sheffield, que pronunciou importante discurso, alludindo as circumstancias que o fizeram esperantista. O Dr. Pollen disse que os fins visado pela «Liga das Nações» devem ser expressos em uma lingua de base neutra. O Esperanto não impedirá o desenvolvimento das linguas européas, da mesma maneira que a lingua hindostanica, commum aos povos da India, não impede o uso e a existencia das linguas provinciaes. Terminou fasendo ligeiro esboço da cara lingua, convencendo o auditorio sobre a sua simplicidade, belleza e opportunidade.

*Torquay* — A 17 de Fevereiro, em Old Town Hall, Miss Mitcalfe leu uma interessante memoria sobre o «Esperanto como Lingua Auxiliar Universal». Chamou attenção para as difficuldades encontradas pelos delegados á Conferencia da Paz, devidas a falta de uma lingua commum; mostrou que uma Liga de Nações sem uma lingua commum é uma impossibilidade; que essa existe, o Esperanto, com solida vida, fallada por milhares de pessoas, aguardando apenas reconhecimento official, para tornar-se o medianeiro universal de reciproca communicação entre as nações. Reportou-se ao fatal mez de Agosto de 1914, quando a guerra surprehendeu 4000 Esperantistas de 35 nações, reunidos em Paris para o 10° Congresso; aos quatro annos de guerra que aniquilariam qualquer movimento internacional menos intenso, no entanto não matou, fortificou e provou o valor das Associações Esperantistas em todo o mundo.

**Escossia.** — O Conselho Geral da Federação Escosseza, reunido no club da Parol-Rondo, em Glasgow, decidiu que o 14° Congresso Escossez, n'esta cidade, será inaugurado a 28 de Junho corrente. O Presidente, no discurso de abertura, fallou sobre os deveres do mundo Esperantista em relação a Liga das Nações, e ao numero sempre crescente dos Congressos internacionaes.

Ficou resolvido que a Federação Escosseza escreva á commissão para a Liga das Nações, propondo o Esperanto como a lingua official.

**Suecia.** *Stockolmo.* — Em Dezembro ultimo desappareceu do scenario da vida um dos maiores pioneiros do Esperantismo, o sr. Bruno Kieflnig, Presidente da Liga Esperantista Norueguense: o *Espero* em extenso artigo traçou-lhe elevado e condigno panegyrico, salientando a lacuna que a sua morte abriu nas fileiras do Esperanto na Suecia e Noruega, e o consequente prejuizo para a propaganda.

*Gevle* — A 15 de Dezembro ultimo os Esperantistas solemnizaram o anniversario natalicio de Zamenhof e o 12° anniversario do Club Esperantista local: realisaram uma festa litteraria artistica e recreativa seguida de opiparo banquete.

Em *Harnas*, *Falun*, *Oskarsham* e *Malmœ* a propaganda reapparece com interesse e vigor pela creação de clubs e cursos.

Nas gazetas suecas a necessidade, utilidade e propaganda do Esperanto são actualmente descriptas com mais seriedade e criterio do que outrora.

**Noruega.** *Kristiania.* — O Club Esperantista em assembléa geral elegeu a nova directoria. Compareceram como visitantes muitos membros da União Esperantista operaria. A sessão foi abrilhantada por uma parte musical, canto, declamação e lauta ceia.

**Suissa.** — A Sociedade *Verstas*, cujo introito é o progresso da humanidade pelo vegetarismo, anti-alcoolismo e pela theosophia, encarregou-se tambem da propaganda esperantista. Depois de uma serie de prelecções em Esperanto e Ido, ella optou definitivamente

pelo Esperanto e organisou um grupo que funcciona regularmente.

Em *Belinzona, Argovia* e *Basiléa* foram fundados novos clubs, despertando assim o movimento esperantista; n'esta ultima cidade o Dr. Olsvanger dirige um curso com 50 alumnos. O «privat-docent» Dr. Ulmann fez um eloquente appello aos novos e antigos *gesamideanoj*, concitando-os a recomeçar a propaganda com vigor, pois já se antevê proximo triumpho.

*Lauzane.* Em Fevereiro e Março ultimo o Sr. E. Privat fez conferencia sobre a lingua internacional no Gymnasio Classico Cantonal Inferior, no Gymnasio Scientifico Superior e Inferior e na escola para professores do 1° grão de ambos os sexos (Escola Normal).

Em *S. Gall* e *Lucarno* foram fundados clubs, cursos e bibliothecas esperantistas.

**Hespanha.** *Bilbáo.* — O Sr. Felikso Diez, professor da Universidade Commercial de Deusto, abriu um curso de Esperanto no «Instituto Vizcaino», além de propaganda escripta na imprensa e oral no Athenêo.

*Barcelona.* — A sociedade esperantista «Paco kaj Amo» está agindo ante a Municipalidade, para que seja dada a uma rua nova da cidade o nome *Doutor Esperanto.*

*Cadiz* — O capitão de artilheria Ludwiko Flores muito se esforça para fazer reviver o Esperanto n'esta cidade.

*Zaragoza* — O grupo «Frateco» resolveu enviar mensalmente cartões postaes a todos os chefes das diversas nações, pedindo-lhes adoptar o Esperanto como lingua auxiliar internacional: pede o apoio e igual precedimento dos collegas.

Em *Cuevas Ojerez, Rio Tinto* e *Nerva* teem sido feitas conferencias propagandistas e organisados cursos e clubs.

**Estados Unidos.** — A sociedade Esperantista de Norte America, por intermedio de seu presidente, solicitou da Delegação Americana da Paz a adopção do Esperanto, para um dos textos officiaes do tratado de paz e dos documentos constituintes da Liga das Nações.

*Washington* — A 15 de Dezembro ultimo foi festejada a data natalicia de Zamenhof no salão da *Virina Rsisten Modereca Unuiĝo* (Columbia). Aberta a sessão pelo sr. Pickman Mann, o côro cantou la *Preĝo*, vertida em Esperanto pelo sr. Keyes, de Uniontown (Pensylvania). Foram pronunciados discursos sobre a vida do extincto chefe, e sobre o progresso do Esperanto nas terras onde se falla o inglez, nos paizes scandinavos, hollandezes e allemães; sobre o seu emprego durante a guerra e sobre o seu desenvolvimento nos paizes russos, balkanicos e aziaticos. Terminou a solemnidade com o canto de «La Espero» de Zamenhof.

*New-York* — Miss Buther, na sociedade Esperantista, fallou sobre o futuro do Esperanto. O sr. Fisher disse que se deve resguardar da tendencia de fazer do inglez a lingua internacional. O sr. Morton leu um poema em honra a Zamenhof e fallou sobre o congresso esperantista em Montreal, a realisar-se no proximo verão. Ha pouco menos de um anno, um grupo de Esperantistas fundou esta sociedade, que conta 54 membros actualmente; tem feito visivel progresso, realisando o programma traçado e diffundindo o conhecimento da lingua artificial pela juventude d'esta cidade. O melhor meio de mostrar nosso apreço e dedicação a obra de Zamenhof, disse elle, é conservar viva a sua memoria, mantendo e impulsionando o movimento de propaganda. Fallou finalmente o famoso naturalista professor Frederic Webster sobre a utilidade da lingua internacional.

**Argentina.** *Buenos Aires.* — Fundou-se n'esta capital o Grupo Esperantista Theatral. Foi coroado de inteiro successo o pamphleto propagandista e instructivo intitulado «El idioma internacional Esperanto». Foi nomeada uma commissão para a propaganda na imprensa nacional. O grupo «Liberiga Stelo» inaugurou um curso na Bibliotheca Nacional com 30 alumnos. No Athenêo Racionalista de Palermo funcciona tambem um curso.

*Cordova* — O Congresso Nacional de Livres Pensadores reunido n'esta cidade em Dezembro ultimo resolveu: Aconselhar aos nucleos de Livres Pensadores argentinos a organisação de curso de Esperanto; que o delegado da Liga Livre Pensadora para o seu 1° Congresso internacional trabalhe para a propaganda do Esperanto entre o povo livre pensador do mundo inteiro.

Em *Bahia Blanca, Talleres Pringles* e *Los Quirqunilhos* foram inaugurados cursos esperantistas. O grupo *Antaŭen* de Talleres está organisando uma exposição que deveria ser inaugurada a 6 de Setembro proximo.

**Uruguay.** *Montevidéo.* — A importante gazeta semanal «Mundo Uruguayo» resolveu publicar em cada numero secção esperantista.

**Australia.** *Melbourne.* — O movimento esperantista renasce com auspiciosa e animadora perspectiva. Os delegados das provincias Nova Galles do Sul, Queensland e Victoria, reunidos a convite da Sociedade Esperantista de Melbourne, concertaram os meios de impulsionar a propaganda rigorosa e amplamente. Visitaram a Universidade para ouvir a conferencia do sr. Thomson, na Sociedade Instructora dos Operarios, sob a presidencia do sr. H. Moore, decano da Faculdade de Direito, e a allocução do sr. Atknison, professor de economia: em extremo favoraveis ao Esperanto as alludidas prelecções. A 22 e 23 de Outubro ultimo reunidos, sob a presidencia do sr. Pyke, 42 esperantistas resolveram: fundar a Sociedade dos Esperantistas Australianos, que representará a fusão da sociedade Esperantista de Melburne e de tôdos os grupos da Australia; pugnar para que, o mais breve possivel, o Esperanto seja incluido no programma de todas as escolas, publicar uma gazeta Australiana esperantista; delegar á futura sociedade a tarefa de introduzir e propagar o Esperanto no Commercio Australiano; iniciar nos centros provinciaes a representação de comedias em esperanto e organisação de concertos, para a creação de grupos e propaganda da lingua; organisar o 3° Congresso Esperantista Australiano, cuja inauguração ficou marcada, para Setembro proximo, em Sydney; finalmente agradecer calorosamente o sr. H. Stead, proprietario e redactor da «Stead's Review» a generosa offerta das columnas de sua revista para a propaganda.

V. S.

---

## La Tria Australia Kongreso Esperantista.

### Septembro, 1919

Tre Estimataj Samideanoj.

La tria aŭstralia kongreso Esperantista okazos ĉe Sidnejo, la proksiman septembron kaj ni antaŭdiras ke, ĝi estos tre ĝuebla afero. Entuziasma komitato energie laboras por sukcesigi ĝin tial; ni deziras ke, ĉiuj Esperantistoj sendos Artikolojn, Jurnalojn, ankaŭ Iajn

Ideojn pri nia bela «Esperanto» lingvo. Estas longa vojaĝo por la Esperantistoj ĉeest. kaj por malmulte da spesdekoj, ni povos hav. novaĵojn kelkajn de la tuta mondo. Ni esperas ke, ĉiuj Esperantistoj faros kio ajn ili povos por fari ĝin sukceso.

VIVU LA TRIA.
VIVU ESPERANTO

Sro. Leslie. E. Pfahl.
«EDNA» Clissold. Parade.
Campsie.
*Sydney. N. S. Wales*,
Australia.

## Noto de la Esperantista Centra Oficejo

Laŭ sia kutimo, la Esperantista Centra Oficejo preparis raporton pri la Kongreso. La Raporto kunigas la dokumentojn rilatajn al la okazaĵoj preparitaj por la Kongreso, kaj kunigitaj de la Konstanta Komitato de la Kongresoj. Tiu interesplena volumo estas aldonota senpage al la dokumentoj de la Loka Komitato, je la nomo de la Konstanta Komitato de la Kongresoj. Nur la personoj pagintaj la plenan kotizon ricevas ĝin. Se iu volus utiligi ĝin por propagando la Esperantista Centra Oficejo sendus ĝin laŭ specialaj kondiĉoj.

Neniu alia dokumento taŭgas tiel por ĝenerala propagando. Ĉiu, kiu vidos tian gravan kongresliston, tian plenan organizon kaj povos konstati la nombron de la kongresoj de specialistoj kiuj estus okazintajn, ne povus nei la gravecon de nia movado. La volumo 220 paĝa, formato 16/26, por nekongresanoj 3,50.

Samtempe la Esperantista Centra Oficejo povos aldoni la raporton pri la Dek-unua Kongreso en San-Francisco, al la ĉeestintoj. Prezo por nekongresanoj 2 fr. (la formato estas la sama kiel la ĉi supra).

## Bibliografio

Ni ricevis kaj tre dankas :

**La plus forte garantie de la Société des Nations** — *Une langue internationale*. Verkita de sro Rollet de L'isle. Societé des Amis de l' Esperanto-N° 6. Esperantista Centra Oficejo. 51 rue de Clichy. Paris. Prezo : 0 fr. 60.

**Listo de la komercaj branĉoj** por la Oficiala Leipziga foir - adresaro. (Listo de la ekspoziciantoj). Eldonita de la Messamt für die Mustermessen in Leipzig. Sendita de la Internacia Komerca Centro de Esperanto. Hauptpostfach. 6104. Zurich. Suisse.

## KORESPONDADO

Deziras korespondi kun alilandaj studentoj : *Sro R. Cellerne*, E'cole Primaire Supérieure, Marennes, Charente - Inférieure, Francujo.

*Sro W. I. Jennings*, 9, Gerrish Avenue, Redfreld, Bristol, Anglujo.

*Sro Erik Näslund*, deksepjara svedo, Betel, Sanviken - Svedujo, deziras korespondi kun gesamideanoj el ĉiuj landoj.

## Frazeologio — Proverbaro

Esperanta — portugala

El «Proverbaro» de dro L. L. Zamenhof. Kolektis A. Couto Fernandes.

2ª kajero—prezo : 400 rs. aŭ 2 respondkuponoj.

La du kajeroj — 3 respondkuponoj.



## Brazila Esperantisto

Listo de helpabonantoj dum la jaro 1918:

| | |
|---|---|
| Alberto Couto Fernandes | 10$000 |
| H. Motta Mendes | 10$000 |
| João Teixeira de Siqueira Magalhães | 10$000 |
| J. B. Mello e Souza | 10$000 |